# Esperanto HAMBURG



4/2006
Junio/Julio




Foto: *Peggy Ley*

# Informstando dum Eŭropo-foiro sur Gänsemarkt

**La 13an de majo ni prezentis nian klubon dum Eŭropo-tago sur la placo Gänsemarkt. Kune kun du aliaj grupoj, nome "ELSA", eŭropa grupo de studentoj de jura fako, kaj "Europa Kolleg" ni informis kelkajn interesitojn ĉe nia informbudo. Hannelore renovigis niajn kontaktojn al partoprenantoj de diversaj aliaj grupoj.**
**Krome subtenis la standon: Benno (dankon pro via organiza laboro), Erika, Jutta, Kerstin, Rainer, Reinhold kaj Peggy.**
**Ni invitis al "Schnupperkurs", kiu okazos la 10an de Junio, ekde la 14a horo. Invitu ankaŭ vi viajn amikojn aŭ konatojn.**

*Peggy Ley*

---


**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: *Jürgen Wulff*

Redaktoro: *Benno Klehr*

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg


Redaktofino de




n-ro 5/2006: 15-07-2006

**Sentenco**

Mia, min kaj mi -
en la mondo
ĉiam regas tri.

*NN*

**Karaj legantoj,**
En la pasinta numero mi dorsflanke enmetis artikolon el la kongresa varbilo pri la kreskanta urbo. Tiu artikolo prezentas la urbon senescepte pozitiva.
Sed la evoluo de la urbo ne estas senescepte pozitiva: La privatigo de la iam ŝtataj malsanulejoj nur unufoje portas monon en la malplenajn kasojn, sed supozeble malaperigos kvalifikitajn laborlokojn kaj endanĝerigas la kvaliton de la klinikoj pro financaj motivoj.
En la havena urbo estas konstruataj novaj stratoj kaj sportejoj por tiuj riĉuloj, kiuj povos loĝi en la novaj loĝejoj tie, sed en la malpli privilegiitaj kvartaloj ne sufiĉas la mono por urĝe riparendaj lernejoj.
Do oni povas demandi, kien kresku la urbo?
Laŭ la hansa tradicio Hamburg ĉiam diferenciĝis de aliaj urboj: Riĉuloj sentis sin respondeca por la socio kaj la funkciado de la ŝtato. Do ili ankaŭ zorgis pri socialaj institucioj.
Sed tio estas historio -
Modernaj kapitalistoj nur vidas tion, kio alportas monon.

*Benno Klehr*

## Nia programo

### Junio

**1 Ni lude lernas el PIV**

**2-5 GEK en Brunsviko**

**10 Schnupperkurs 14 h**

**15 Somera Festo**

**22** *Werner Bormann:*
**Germana Esperanto-Kongreso 2006**

**29** *Frank Merla:*
**Falsaj Amikoj**

### Julio

**6** *Sylwia Pöhlmann:*
**La ne-turisma flanko de Majorko**

**13 --> 27** sen speciala programo; gastoj estas bonvenaj

Dum la someraj feriaj monatoj la klubejo estas malfermita ĉiun ĵaŭdon ek de la 19:30 h.
Ni ĝojas pri gastoj, kiuj venas (eĉ sen anonciĝi) kaj prezentas al la ĉeestantoj ion interesan pri sia lando aŭ pri sia laboro aŭ pri siaj vojaĝoj.

### Gasto el araba mondo

La 18an de Majo vizitis la klubon S-ro Husejn Al-Amily, Londona fakdelegito pri internacia komerco kaj araba literaturo. La komercisto, kiu devenas de Libano kaj nun vivas en Londono, prezentis al ni sian verkon "LA TREZORO Vortaro de arabaj proverboj", kies anglan eldonon li kunportis. Ambaŭ eldonoj mendeblas ĉe li.
S-ro Al-Amily pretis respondi demandojn kaj pri araba proverboj kaj pri lia vojo al Esperantujo, kiu komencis en la sesdekaj jaroj.
La klubo danke ricevis diskedon kun ambaŭ versioj por nia biblioteko, dankas al S-ro Al-Amily pro lia ĉeesto kaj deziras al li bonan voĵaĝon kaj ĝis revido.

*Peggy Ley*




*Delia* kaj *Hannelore*
Foto: *Benno Klehr*

**Hamburg**, ehh. La hamburgaj aktivuloj en Majo eĉ dufoje dum semajnfinoj informis la publikon pri la Internacia Lingvo kaj la avantaĝoj, kiujn ĝi alportas. Post la Eŭropa Foiro sur Gänsemarkt, oganizita de la urba registaro por stimuli la publikan intereson pri Eŭropo, la 20an kaj 21an de Majo en Eppendorf okazis strata festo jam la 25an fojon; la Esperanto-standon Delia Pick iniciatis antaŭ 10 jaroj. Ankaŭ ĉi-jare ŝi preparis la partoprenon. Pro pluvo dum Sabato ne estis tre multaj vizitantoj, sed la Dimanĉa posttagmezo estis bone vizitata. Bedaŭrinde nur malmultaj klubanoj havis tempon por deĵori en Eppendorf. Tial Peggy kaj Benno po kelkaj horoj restis solaj en la tendo. Aliaj reprezentantoj de la klubo estis Hannelore, Rainer, Sylwia kaj Reinhold. La tri oble tri metrojn granda tendo dum la pluvo bone protektis nian standon, sed dum dimanĉo ni devis meti nian tablon sur la straton, ĉar niaj najbaroj ankaŭ faris tion; ili disponis pri benkoj kaj tabloj por sidi kune kun gastoj en la tendo, dum nia tendo sen mebloj aspektis iom mizere malplena.